25ª Jaro - Nº 3 (264) Jara Kotiz-Abono Fr 35,— Marto 1939ª

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908ª

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista


DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
WILRYCK-ANTVERPENO



Societo sen profita celo - Belga Ŝtatgazeto 27 6 36

### IOM DA PRAKTIKO

## Ĉiu pensu pri nia Revuo

Tiu ĉi numero aperos kun iom da prokrasto. Diversaj cirkonstancoj malebligis pli fruan, akuratan aperon.

Ni, pri la kaŭzo de tiu prokrasto, ne komunikos falspretekstojn, nek verajn kialojn. Ni kontentiĝos senkulpigante nin, apud niaj legantoj.

Se ni tion faras, tio ne signifas ke ni havas iluziojn pri la senpacienca atendado de la leganto.

Ni bone scias, ke multaj kontentiĝas, ricevante ĉiumonate la revuon, kompense de ilia pago, sed neniam ĝin malfermas. Estas la sorto de preskaŭ ĉiuj revuoj.

Ni scias, ke la aliaj, — tiuj, kiuj vere estas en la movado aktiva, — plej ofte kontentiĝas malfermante ĝin kaj trafoliumante ĝin dum momento, sufiĉe longa, por trovi eraron aŭ malbonaranĝon kaj tiam ankaŭ ĝin flankenmetas.

Ni scias, ke ni povus facile kalkuli, — ni volis preskaŭ skribi : sur la dek fingroj de niaj manoj, sed tio tamen eble estus troigo de nia penso —, tiujn, kiuj vere legas la revuon kaj dum la legado iomete pripensas ĝian vivon.

Kaj tamen estas via ĉies organo, organo multekosta proporcie al niaj vivrimedoj, — tro multekosta ni preskaŭ volus skribi, ĉar ĝi elsuĉas ĝisfunde nian kason.

Tiun fakton ni citas, ne por plendi, — ĝustatempe nia kasisto ja atentigos pri la financa situacio —, sed ĉar, laŭ ni, tiu fakto, pli ol kiu ajn devus instigi niajn membrojn havi intereson por la Belga Revuo.

Nu tiu interesiĝo estas vere tro malalta.

Ni ne petas de niaj legantoj ke ili sendu longajn artikolojn pri temoj karaj, precipe al ili mem, kaj tiam malpacienciĝu kiam ili ne vidas la ensenditan tekston, presitan jam en la tuj sekvonta numero.

Ĉar tiam ni preferas daŭrigi sen ilia kunlaboro. Sed estas en la vivo de nia Ligo, de niaj grupoj en la okazantajoj de nia ĝenerala movado tamen faktoj, pri kiuj ĉiu scias, ke vole-nevole, ni devos ion diri... kaj do skribi mem, se neniu alia faris ĝin ĝustatempe.

Faktoj pri kiuj kiu ajn povus skribi kaj pri kiuj tamen ni nenion ricevas.

Multe pli grava estas la fakto, ke eĉ la grupoj ne provizas nin regule kaj en bona formo, per tiuj tekstoj, kiuj tamen rilatas al la grupoj mem, kaj pri kiuj la estraro prave koleriĝus, se ili ne estus enpresataj.

De diversaj grupoj, ni neniam, sen peto, ricevas tiujn tekstojn, de aliaj ni ilin ricevas en letera formo, skribitajn per tute ordinara skribo, kiun ni ja povas legi, sed kiun tre certe ne kapablos legi laboriston ne alkutimiĝintan al ĝi kaj tiam ankoraŭ prefere sur la du flankoj de la papero, tiel ke la teksto tute ne estu uzebla por presejo.

Ne malofte tiuj tekstoj miksiĝas sur sama folio, kun petoj aŭ klarigoj, kiuj eĉ ne rilatas al la revuo, sed al alia laborparto de la redaktanto.

La sekvo estas, ke ne nur tiu redaktanto devas zorgi pri la tekstoj, kiujn la ĉiutaga vivo alportas al li, sed ankaŭ pri la rekopiado de la tekstoj, ensenditaj.

Se ni tion, de homo al homo, devus diri al tiuj bonaj amikoj, kiuj tiurilate kulpis, ili certe dirus : « **Sed tion ni ja ne volis !** »

Sed malgraŭ tio, ili tamen agis, tiel ke la sekvo estis... do kontraŭo de ilia volo.

Ni ja scias, ke ne ĉiuj povas esti spertuloj pri presaj aferoj, nek pri redaktaj, sed ni tamen pensas, ke inter la multnombraj bonaj kaj spertaj esperantistoj, kiujn posedas niaj grupoj, estas tamen kelkaj, kiuj konas tiujn elementajn detalojn kaj kiuj do devus zorgi, ke ĉiumonate la ensenditaj tekstoj estu en ordo, tiel ke ne tie povu kuŝi kialo por prokrastigo.

Revuo akurata kaj kun tekstoj interesaj, kunmetitaj de kiel eble plej multaj kunlaborantoj, jen la celo, kiun ni devas havi antaŭ la okuloj.

Estas la celo al kiu ni invitas ĉiujn niajn legantojn, kunhelpi ĉiu laŭ sia kapablo.

Kaj por fini, ni ree senkulpigas nin apud la leganto, ĉar ni foruzis tiun unuan paĝon por tia prediketo, kiu ne estas laŭ nia kutimo, sed kiu tamen ŝajnis al ni necesa en tiu fasta periodo.

Maur. JAUMOTTE.

**NOTO. — La sekvonta numero aperos ĉirkaŭ la m[...] la monato de Aprilo.**

# XXVIIIa Belga Esp-o Kongreso, 27, 28, 29 Majo 1939

**en Loveno. L. K. K. : Hotelo Ratteman, pĉk : 1119,10**

## PROVIZORA PROGRAMO

*Sabaton la 27an de Majo.*

15-a h. : Malfermo de la akceptejo en « Hotelo Ratteman », Pariza strato.

15.30-a h. : Flordemeto ĉe la monumento al la militmortintoj.

16-a h. : Ĝenerala Jarkunsido de « Belga Esperanto-Instituto ».

17-a h. : Laborkunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

18-a h. : Vespermanĝo (organizota se dezirate).

20.30-a h. : Interkonatiĝa Vespero (sekvata de dancado).

*Dimanĉon 28an de Majo :*

9-a h. : Katolika kaj protestanta Diservoj.

10-a h. : Akcepto de la urbestraro. — Komuna fotografado.

11-a h. : Solena kongresa kunsido en Hotelo Ratteman.

13-a h. : Tagmanĝo en sama domo.

14.30-a h. : Gvidataj vizitoj (finiĝos sufiĉe frutempe por ke ĉiu havu la okazon alivestiĝi antaŭ la festeno).

18-a h. : Festeno.

21-a h. : Balo kun fama orkestro.

*Lundon 29an de Majo :*

9-a h. : Ekskurso al Lieĝo.

10-a h. : Vizito al Akvo-ekspozicio.

Inter 18-a kaj 19-a h. : Reiro al Loveno.

La turo de la nova biblioteko de l' Universitato.



La belega urbdomo.

## Nia Kongresejo

Multaj personoj ekvidinte la adreson de la L.K.K. : Hotel Ratteman, certe pensis, ke ĝi havas sian sidejon en hotelo, alivorte en domo, kie eblas satiĝi kaj tranokti. Efektive ne estas tiel, kvankam la indiko konfuzigas. Parenteze mi aldonu, ke dum la kongreso ĉiuj tamen satiĝos, ĉar nia ĉefkuiristino jam preparis vere apetitigajn menuojn.

La Hotelo Ratteman iam estis la patricia loĝejo de la familio Ratteman, unu el la sep malnovaj familioj de la Brabanta ĉefurbo Loveno (12a kaj 13a jarcentoj). Post malapero de la familio Ratteman, kies iu membro estis senatano, la domo apartenis al diversaj posedantoj kaj tempe iĝis lernejo. En ĝia nuna stato la Hotelo Ratteman estas kunvenejo de la sekciaro de la Reĝa Societo « Cercle de Conférences », kiu aĉetis ĝin en 1928.

La urba kontroloficejo pri konstruaĵoj malpermesas ŝanĝojn ĉe ĝia fasado. La Ratteman-blazono konsistas el blua Sta-Andreo-kruco sur blanka fono, kun ruĝa sespinta stelo en ĉiu krucangulo.

Nia kongresejo situas meze de la urbo, en malgranda senelireja strateto, kies enirejo estas ĉe la konata « Pordo Ratteman », en strato de Parizo. Komprenehle la ekstero aspektas malnova, sed la interno, aliarangita lastjare laŭ modernaj eltrovoj, enhavas teatron kaj trinksalonon, bele dekoraciitaj, kiuj estos belegaj kadroj por niaj festoj kaj bankedo. Plie la brilanta parkedo ravos ĉiujn dancemajn geesperantistojn.

Resume niaj kongreskunvenoj havos oportunan lokon en la « Hotelo Ratteman », sed ni troviĝos ankaŭ en observema rondo, kiu priatentos la nombron kaj la esperantistecon de la kongresanoj. Tio igas la prezidanton de la L.K.K. alvoki la belgajn esperantistojn aliĝi grandnombre kaj ne lastatempe.

***

### ALIĜU TUJ

**Iĝas nun vere tempo por ke eĉ la plej kutimaj prokrastemuloj nun sendu al la L.K.K. sian aliĝon al nia Kongreso, kiu okazos en Loveno post nur malmultaj semajnoj !**

**Ni rediras :**

**Adreso de la L.K.K. : Hotelo Ratteman, Pariza Strato.**

**Poŝtĉekkonto de la Kongreso : 1119.10.**

## Loveno, urbo vizitinda

Nia kongresurbo situas je duonhoro vagonare de Bruselo, sur linio de grandaj internaciaj rapidtrajnoj. Kvankam oni rekonstruis, sur la loko de la ruinigitaj kvartaloj, novan modernan urbon kun larĝaj avenuoj, imponaj domoj kaj grandaj magazenoj, Loveno tamen prezentas al la turistoj poeziemaj pri pasinteco la ĉarmon de siaj malnovaj kurbiĝantaj stratoj, kie la okulo malkovras pitoreskajn lokojn kaj surprize rimarkas ian antikvan restaĵon en verdaĵo.

Inter la monumentoj kaj kuriozaĵoj, kiuj altiras la atenton de la vizitantoj, ni citu la ogivstilan urbdomon, veran ŝtonpunton. Ĝi estis konstruata dum la 15a jarcento de Mathieu de Layens kaj enhavas rimarkindajn akcept-salonojn. En belega gotika salono estas 4 grandaj kunmetitaj pentraĵoj reprezentantaj epizodojn el la Lovena historio. La tre belaj domfasadoj de la Granda Placo, la Sta Petro-preĝejo kaj la Nacia Banko, ogiva juvelo, formas kadron indan je la majstroverko de Mathieu de Layens.

Citindaj ankaŭ : Muzeo Vanderkelen-

# 31-a Universala Kongreso de Esperanto (29 Julio-5 Aŭgusto 39)

**Adreso por leteroj :** 31a Universala Kongreso de Esperanto, Bern.

**Kotizoj :** Ĝis 31.3.39 sv. fk. 25.—. Post 31.3.39 sv. fk. 30.—. La edzo aŭ edzino de kongresano, same gejunuloj ne pli ol 20-jaraj pagas la duonon de tiuj ĉi sumoj.

Plej oportune vi pagas al nia poŝtĉeka konto III 11611, aŭ per monbiletoj aŭ al Volksbank Bern. — Pagejo por Britujo : BEA. 142, High Holborn, London W. C. 1. — Pagejo por Danujo : Dansk Esperanto Rejsebureau, Jernbanegade 22, Nyköbing F. — Pagejo por Norvegujo : Turista komisiono, Box 353, Stabekk. — Pagejo por Polujo : M. Chmielinski, ul. Krasinskiego 4, Torun. — Pagejo por Svedujo : Turista komisiono, Tegelbaken, Stockholm.

**Aliĝiloj** estas haveblaj ĉe la kongresoficejo, ĉe la landaj asocioj, ĉe la turistaj komisionoj kaj ĉe la IEL (centra oficejo).

**Blinduloj** kaj ties gvidantoj ricevos senpagajn kongreskartojn, ĝis la 31a de marto 1939. Post tiu dato ili pagos po 5 sv. fk. por esti kongresano. Ili devas sendi ateston ke ili estas blindaj, subskribita aŭ de IEL delegito, aŭ de Blindula Instituto, aŭ de kuracisto.

**Glumarkoj,** bona propagandilo, 100 pecoj kostas sv. fk. 1.20 aŭ 4 respondkuponojn.

**Donacoj** helpas sukcesigi la kongreson, la organiza komitato antaŭdankas al donacantoj.

**Blindula kaso,** helpu ebligi al blinduloj la kongresviziton, la komitato danke akceptas donacojn por tiu kaso.

**Fakaj kunvenoj,** organizontoj frutempe anoncu siajn dezirojn. Ĝis nun sin anoncis : Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-oficistoj ; Internacia Scienca Asocio Esperantista ; Kristana Esperantista Ligo Internacia ; Turista fako de Nederlanda Esperanto-Asocio « L.E.E.N. » ; Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj.

**Karavanoj :** Ni estas informitaj pri la jenaj karavanoj :

Britujo : BEA, 142, High Holborn, London W. C. 1.

Nederlando : J. Telling, Schietbaanlaan 106-a, Rotterdam-C.

Norvegujo : Turista komisiono, Box 353, Stabbekk.

Svedujo : Turista komisiono, Tegelbaken, Stockholm.

Usono : George A. Connor, 162 West 13 Street, New York City.

Por landoj, kie ne ekzistas turista komisiono, ni interrilatos kun la firmo Cook pri karavanoj.

**Skolta tendaro.** En la 31a UK okazos ankaŭ la skolta tendaro 1939. Informon petu de la fakdelegitino por skoltismo : F-ino G. Merz, Falkenweg 9, Bern.

**Oficiala kongresgazeto** estas « Ni vokas vin ». Ĉiu kongresano ĝin ricevas senpage. Antaŭvidataj estas ok numeroj, la lasta enhavos la raporton pri la kongreso. La du unuaj numeroj estas multnombre forsenditaj kiel varbnumeroj, interesuloj petu ilin de la kongresoficejo. La proksima numero aperos fine de marto.

**Aliĝoj :** Ĝis 12.1.1939 aliĝis 391 el 19 landoj.

La Prezidanto : H. BUCHLI.

## NIA KARAVANO AL BERN

Jen la programo de la karavano, kiun BELGA ESPERANTO-INSTITUTO organizos, kun la teknika helpo de unu el la plej famaj kaj seriozaj vojaĝagentejoj okaze de la Kongreso de Bern.

**Sabaton, la 29-an de Julio :** BRUSELO, foriro je la 7a 57 kaj alveno en BERN, je la 20a h. 42 **VESPERMANĜO** (Dîner) kaj **LOĜADO en Bern.**

**Dimanĉon, la 30-an de Julio :** en BERN : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

Ekskurso trame kaj ŝnurvagonare al GURTEN : sv. fr. 1,50; laŭ la BERNA KORNISO — belega vidaĵo sur la Alpoj kaj la Lago de Thoune (aŭtoĉare): sv. fr. 6,50.

**Lundon, la 31-an de Julio :** en BERN : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

Vizito aŭtoĉare al la urbo BERN kaj kuriozaĵoj : sv. fr. 3,50.

**Mardon, la 1-an de Aŭgusto :** en Bern : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

**Merkredon, la 2-an de Aŭgusto :** en BERN : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

Ekskurso al JUNGFRAULOCH, vagonare, via Thoune, Interlaken, Lauterbrunnen, Wengernalp kaj Kleine Scheidegg. Supreniro de la Jungfraŭloch, per la plej alta vagonaro de Eŭropo (3457 m.): sv. fr. 38; kun la « lunĉo » : sv. fr. 40.

**Ĵaŭdon, la 3-an de Aŭgusto :** en BERN : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

*Liberaj ekskursoj :* Ĉirkaŭiro de la Lago de Thoune : sv. fr. 6; laŭdezire en aŭtoĉaro (por ĉirkaŭiro vagonare aŭ ŝipe ĝis Interlaken).

*Ekskurso al la BLUA LAGO* per la « Flèche Bleue » de la fervojo de Loetschberg, laŭ la Valo de la Kander ĝis Kandersteg kaj la romantika BLUA LAGO : sv. fr. 7,50.

*Ekskurso al la NIGRA LAGO :* aŭtoĉare laŭ la Banoj de la Gurnigel — vido al la Alpoj — malsupre de la montaro de Stockhorn ; malsupreniro al la NIGRA LAGO, reveno via Fribourg : sv. fr. 7,50.

**Vendredon, la 4-an de Aŭgusto :** en BERN : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

*Liberaj Ekskursoj :*

INTERMONTO (COL) DU PILLON : Montreux; Kastelo de Chillon, reiro via Fribourg : sv. fr. 19,50.

INTERMONTO « COL DU JAUN » al la pentrinda regiono de la Guère; reiro laŭ Fribourg; poŝta aŭto: sv. fr. 15.

*Aŭtoĉara EKSKURSO AL MONTO CHASSERAL :* vidaĵo sur la Lagoj de Bienne, Neuchatel kaj Morat : sv. fr. 8.

*Ĉirkaŭiro de la SCHALLENBERG,* laŭ la Valo de l'Aar, reiro laŭ la bela Valo de la Emme : sv. fr. 16,50.

*Ekskurso al la Monto NIESEN,* vagonare (alteco 2300 m. belega panoramo : sv. fr. 10.

*GRANDA ĈIRKAUIRO DE LA ALPOJ :* vagonare kaj poŝtaŭte; la plej bela ekskurso laŭlonge de la Bernaj lagoj, laŭ la alpaj vojoj, al la Glaciejoj de la Rhône, la interkrutejoj (« gorges ») de la Schoellenen, la Lago de la IV Kantonoj. Reiro laŭ la Valo de la Emme : sv. fr. 23.

**Sabaton, la 6-an de Aŭgusto : MATENMANĜO.** — Foriro al Basel matene. — **TAGMANĜO** en Basel — poste daŭrigo al BRUSELO. La **VESPERMANĜO** (Dîner) okazos en restoraci-vagono. Alveno en BRUSELO je la 22 h. 55.

**PREZO DE LA VOJAĜO :**

**Kategorio I :** Hoteloj DU CERF, NATIONAL, RUOF, SIMPLON ; Pensionoj : VILLA FREY, BOIS FLEURI, EDEN, ELITE, HERTER : **b. fr. 1,050.**

**Kategorio II :** Hoteloj BUBENBERG, DE LA GARE, JURA, METROPOLE, WAECHTER, DU SAUVAGE, GURTEN KULM : **b. fr. 1,100.**

**Kategorio III :** Hoteloj BRISTOL, BAEREN, BEAU SITE, CITY, GOTHARD kaj SAVOY : **b. fr. 1,195.**

**Kategorio IV :** Hoteloj BELLEVUE, PALACE kaj SCHWEIZERHOF : **b. fr. 1,350.**

Tiuj prezoj estas kalkulitaj kun tiketo 3-a klaso. Por tiketo 2-a klasa inter Bruselo kaj Basel kaj ree : krompago **b. fr. 115.**

Mertens — pentraĵoj, skulptaĵoj, medaloj — ; Muzeo de Spoelberg, en la nova Universitata Biblioteko, — pentraĵkolekto, malnovaj mebloj, porcelanaĵoj, armiloj, k.t.p., ĉio plej interesa — ; Sta Petro Katedralo, monumento el la 15a jarcento, bruligata en 1914, nun admirinde rekonstruita ; Sta Gertruda Preĝejo el la 18a jarcento, laŭ jezuita stilo, kun rimarkinda fasado ; Haloj el la 14a jarcento, primitive Draphaloj, disponigitaj al la Universitato ekde 1432, — tiu lasta konstruaĵo enhavis la famegan Universitan Bibliotekon, detruitan en 1914 — ; Nova Universitata Biblioteko, konstruita de la Usonanoj ; Granda Beginejo tre pitoreska ; Urba Parko ; Ĉirkaŭa muro kaj turo el la 12a jarcento.

Je 10 minuta distanco ekster la urbo : Abatejo de Park, el la 12a jarcento. En la ĉirkaŭaĵo : Kastelo de Heverlé, Arbaro de Merdael, Dolĉaj Akvoj, k.t.p.

# BELGA KRONIKO

**Atentu !** **Niaj membroj kaj abonantoj estas petataj repagi, kiel eble plej baldaŭ, sian kotizon, rekte al la kasisto de la grupo al kiu ili apartenas; se ili estas izola membro al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo 1337.67. Al la kotizo de la grupo aŭ de la Ligo (Fr. 35) oni aldonu la kotizon de I.E.L. se oni estas M.J., M.A. ktp.; oni eventuale ankaŭ aldonu la abonprezon por « Heroldo ».**

## NIA ĜENERALA KUNVENO

La ĝenerala jarkunsido de Reĝa Belga Ligo okazos, en Bruselo, la 16-an de Aprilo, en la Hotelo « Albert Ier » je la 15a horo.

Pro la elektadoj, estas efektive ne plu eble okazigi ĝin pli frue.

Dum tiu kunsido, estos prenitaj la lastaj decidoj rilate al la Kongreso.

### EKZAMENO PRI SUPERA KAPABLECO

La 2a ekzameno por atesto pri supera lernado okazos la 7an de Majo, je la 10a matene en la urbo kie estas kunigotaj almenaŭ 10 kandidatoj, sed ne pli ol 15 povos partopreni la saman tagon. Ili sendu sian peton al la Liga Prezidanto, S-ro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle, plej malfrue la 7an de Aprilo.

### ESPERANTO ĈE LA RADIO

Du dekminutaj lecionoj pri la gramatiko de Esperanto, okazis sub la aŭspicoj de la ministrejo de publika instruado kaj de la nacia instituto de radio. Ilin elsendis F-ino A. Jennen, prezidantino de la ekzamenjuĝantaro de R. B. L. kaj prezidantino de B. E. G. la 10an de Februaro kaj la 3an de Marto. Ili rekoltis grandan sukceson ĉar ili estis vere lerte kaj klare prezentitaj.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile : ĉiusabate je 20a h. 30.

Sabaton, la 4-an de Marto : parolado de S-ino Haudebine, pri Svedujo (kun lumbildoj), en « Witte Leeuw ».

Sabaton, la 11-an : parolado de S-ino Schoofs, pri la grandaj Domkonstruajoj (en « Witte Leeuw »).

Sabaton, la 18-an : Mezfasto : intima kunsido (en « Witte Leeuw »).

Sabaton, la 25-an : eble okazos la filmprezentado prizorgata de E.K.I. Se ne, Societaj Ludoj en la « Esperanto-Domo » (informoj la antaŭan sabaton).

Sabaton, la 1-an de Aprilo : Parolado de S-ro De Schutter.

Sabaton, la 8-an de Aprilo (antaŭ-Paska tago) : intima kunveno en « Witte Leeuw ».

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO : « Salonego Brangwyn » ĉe S-ano Jéhansart, place Simon Stevin. Tel. 318.23.

Kunvenoj dum Marto 1939-a :

A. — En la SIDEJO :

Dimanĉon, 5-an de Marto, je la 10-a matene : Ekzameno pri supera lernado.

Dimanĉon, 12-an de Marto, je la 17.30-a : **Intima festo** okaze de la disdono de la atestoj pri lernado. — Filmprezentado, kantado, banjoludado, kaj dancado ĝis la 1-a.

B. — En la KUNVENEJO :

Mardon, la 7-an : Lastaj aranĝoj por la festo de la 12-a (Prez. F-ino Y. Thooris).

Mardon, la 14-an : a) Kantado, Gvidado : S-ino Poupeye, ĉe la piano : S-ino Van Roye ; b) Raportado pri la intima festo (Prez. S-ro J. Drubbel) ; c) Legado de B. E. sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye.

Mardon, la 21-an : a) Kartludado (Prez. S-ro K. Decoster) ; b) Debato « Juveloj » (Prez. F-ino M. Huyghe).

Mardon, la 28-an : a) Parolado de S-ro J. Rombaut, pri : « Tri danĝeraj internacianoj ! » (Prez. S-ro H. Van Roye) ; b) Portretludo laŭ nova maniero (Prez. S-ro Ch. Poupeye).

BIBLIOTEKO : malfermata en la Sidejo ĉiumarde de la 19.30-a ĝis la 20-a. Bibliotekisto : S-ro J. Drubbel. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, leterpapero, ktp. Magazenisto : S-ro K. Decoster.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. Huyghe, Potterierei, 1, quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo). Tel. 315.61.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde : je la 7a : danckurso sub gvidado de F-ino Kallen ; je la 8a : elementa kurso de Esperanto sub la gvidado de F-ino Obozinski kaj perfektiga kurso sub la gvidado de S-ro Vander Stempel.

Lundon la 6an de Marto : F-ino Jennen parolos pri la lasttempaj grandaj sukcesoj de Esperanto. Poste : Kantado.

Dimanĉon, la 12an : Vizito de nova muzeo Empain. Rendevuo je la 14.30-a h., Placo Marie-José, en Boendael (tramoj 4, 16, 94).

Lundon, la 13-an : Humoraĵoj.

Ĵaŭdon, la 23-an : je la 20.30a, kunveno en la filmsalono, rue de l'Arbre Bénit, 127 (Ixelles) - Gezegende Boom straat, 127 (Elsene), tramoj 16, 30, 2, 3, 4.

Programo : Belegajn filmojn pri Svislando kaj interesajn diskojn.

Lundon, la 27an : Debato sub la gvidado de S-ro Hart.

LOVENO. — **Lovena Grupo.** — Ĉiuj merkredoj kaj vendredoj, en la kutima ejo Hotel Ratteman, kurso (de la 20-a ĝis la 22-a).

Vendredon la 10-an : de la 8a ĝis 9a elementa kurso ; 9a ĝis 10a daŭriga kurso.

Merkredon la 15-an : Kanto.

Vendredon la 17-an : de la 8a ĝis 9a elementa kurso ; 9a ĝis 10a daŭriga kurso.

Merkredon la 22-an : Laŭtlego el Fundamento.

Vendredon la 24-an : de la 8a ĝis 9a elementa kurso ; 9a ĝis 10a daŭriga kurso.

Merkredon la 1/2-an : Parolatojurnalo homoro.

Vendredon la 3-an : de la 8a ĝis 9a elementa kurso ; 9a ĝis 10a daŭriga kurso.

Merkredon la 8-an : Gazetkomento.

### RAPORTOJ

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Post bone sukcesinta « Parolata Ĵurnalo », al kiu partoprenis diversaj gemembroj, inter kiuj novaj lernintoj, sekvis, la 28-an, en « Brasserie de la Bourse », la ĝenerala jarkunveno de la grupo.

S-ro Jaumotte, prezidanto, dankis ĉiujn siajn kunlaborantojn, la vicprezidantojn S-rojn Aug. Faes kaj L. De Hondt ; la sekretarion, S-ron Van Goch; la eksiĝintan kasiston, S-ron O. Van



**Festentablo en « La Verda Stelo » (Antverpeno).**

Dijck, kaj la novan, S-ron A. Wauters; la profesorojn F-inon M. Jacobs kaj S-ron H. Vermuyten kaj ĉiujn, kiuj helpis, en kiu ajn tasko, en la daŭro de la jaro.

Post la legado kaj la aprobo de la raportoj de S-roj Van Gogh kaj Wauters, estis disdonataj la medaloj por 25-jara membreco al S-ro W. De Koning; por 20-jara al S-ino H. Schoofs kaj S-roj M. Jaumotte kaj M. De Ketelaere; por 15-jara al S-ino Jaumotte, F-ino J. Morrens, S-ino G. Simons, F-ino M. Fabry, S-ino G. De Schutter, S-ino M. Landerwijn kaj S-ino E. Van Reybroeck kaj al S-roj J. Derweduwen, D. Simons, L. Schoofs, M. Boeren, O. Urbach, H. Vermuyten, E. De Coster, H. Van den Putte, kaj L. Vermond; por 10-jara al S-ro G. Van den Bossche, kiu meritas specialan mencion pro sia laboremo.

Fine, diplomoj estis disdonataj al la lernintoj de la kurso de F-ino Jacobs. Akiris la plej grandan meriton: F-ino De Boom kaj S-ro J. Morrens; la grandan meriton: S-ro Brzezinski kaj F-ino Blommaert; sukcesis: S-ino Van Gils. Eksterkurse, akiris la diplomon, kun gratuloj de la juĝantaro, S-ro A. Lodema, jam de multaj jaroj Esperantisto.

S-ro J. Morrens dankis nome de la diplomitoj.

La postan tagon, multaj membroj rekunvenis en « Roi Albert » por la jara festeno. S-ro Jaumotte, kiu prezidis unuflanke, estis ĉirkaŭata de S-inoj H. Schoofs kaj L. Faes; S-ro Faes, aliflanke, de S-inoj Jaumotte kaj De Hondt.

Post toasto je la Reĝo kaj la membroj de la reĝa Familio, la prezidanto ree dankis ĉiujn kunlaborantojn; salutis la multnombran inan reprezentantaron kaj toastis fine, je la sano de S-ino Schoofs.

S-ino Schoofs, kun S-roj Faes kaj De Hondt, dankegis la prezidanton kaj ties edzinon, kiu, same kiel S-ino Schoofs ricevis belan florgarbon.

En la plej bona atmosfero finiĝis tiu bela festo.

Sabaton, la 4-an de Februaro, S-ro Vermuyten faris tre interesan paroladon pri Guido Gezelle, el kies verko li belege tradukis diversajn poeziajojn, kiuj baldaŭ aperos en libroformato.

Li akiris grandan sukceson, kiun S-ro Jaumotte trafe substrekis.

La 11-an, bona mitulmanĝo kunigis multajn gemembrojn.

La 18-an, bela karnavalbalo, kun petita kostumo « Karmeno », vigle kunigis la membrojn kaj, la 25-an, estis organizataj societludoj.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 20-an de Januaro, en la Sidejo, okazis la ekzameno pri lernado. Ĝin partoprenis dudek gelernantoj, kiuj ricevos siajn diplomojn, dum la intima festo de la 12-a de marto.

Plia leciono de la supera kurso (pri la verboj) estis donata de F-ino Y. Thooris, dum la unua parto de la kunveno de la 24-a de Januaro.

La ĝenerala kunsido de la grupo okazis en la Kunvenejo, la 31-an de Januaro, en ĉeesto de 51 gemembroj. S-ro Poupeye anstataŭis F-inon Vanden Berghe malhelpatan, legante la protokolon pri la pasintjara ĝenerala kunsido. F-ino Thooris prezentis altidean moralan raporton, kaj S-ro Van Roye legis vere modelan raporton pri la grupa vivo. S-ro Guillaume detale klarigis la bonan situacion de la kaso. S-ro Decoster raportis pri la bibliotheko, kiu daŭre pliriĉiĝas per libroj, sed ne sufiĉe per legantoj. Ĉiuj raportoj estis aplaŭde akceptataj, post kio la ĉeestantaro, per ĝenerala starado, aprobis la administradon de la eliranta komitato. Malgranda ŝanĝo al la paragrafoj 3-a kaj 11-a de la grupa statuto estis unuanime aprobata. Sekreta baloto, sub kontrolo de F-inoj B. Ledène, honora membrino, kaj D. Duchesnet, plej juna ĉeestanta membrino, reelektis ĉiujn elirantajn komitatanojn, krom S-inon Y. Vrielynck-Hubrecht, kiu sin ne reprezentis, kaj aldonis plie du novajn gekomitatanojn: F-inon M. Huyghe kaj S-ron J. Drubbel. — S-ro Van Eenoo akiris premion pro plej regula ĉeestado de la kunvenoj, ĉar dum la jaro 1938-a, li neniam forestis. S-ino Plate gajnis la premion kiel plej bona kliento de la biblioteko. Ambaŭ ricevis belan libron. Interesa interŝanĝo de ideoj kaj proponoj finis tiun sukcesintan kunsidon.

La 7-an de Februaro, 5-a leciono de la supera kurso (pri la prepozicioj) estis donata de F-ino Thooris, dum, en apuda salono, la « Balorganiza Komisio » vigle laboris al lastaj aranĝoj por la balo de la 11-a.

Tiu granda jara balo okazis sabaton 11-an de Februaro en « Muntpaleis ». Proksimume 500 personoj, ĉiuj membroj aktivaj aŭ apogantaj, ĝin ĉeestis. La ses horoj de la 21-a ĝis la 3-a pasis multe tro rapide en ĝenerala ĝojo. Priskribo de tiu vere sukcesinta festo ne estas ebla tie ĉi. Ni nur menciu la grandan sukceson, akiritan de la bela kostumita baleto de « La Verda Stelo », sub gvidado de la sindonemaj Ges-roj de Vooght, kaj en kiu partoprenis la graciaj F-ino Boedt, S-ino Marlé, F-inoj Grouve, Huyghe, C. Willems, D. Duchesnet, M. Willems, Meeuws, Jehansart kaj M. L. Duchesnet, akompanataj de la « Banjoludantoj » ankaŭ bele kostumitaj: S-roj Berton, Jéhansart, Van Eenoo, Buquoy, Marlé, Pardon (gvidanto) kaj de S-ro Byla kiel violonisto. Specialaj dankoj kaj gratuloj estas ŝuldataj al F-ino Monique de Vooght, kiu donis plian pruvon de sia gracíplena talento, dancante kiel « stelo » en la « Verda Stelo » kaj ankaŭ, aparte, en « Czardas-danco ».

Dum la kunveno de la 14-a de Februaro, S-ro Poupeye gvidis lecionon pri la korelativoj. Poste okazis ĝenerala raportado pri la balo.

La nova komitato kunvenis la unuan fojon la 15-an de Februaro kaj dividis la komitatajn postenojn jene:

Prezidantino: F-ino Y. Thooris.
Vicprezidanto: S-ro Ch. Poupeye.
Sekretario: S-ro H. Van Roye.
Kasisto: S-ro G. E. Guillaume.

Helpa Sekretariino: F-ino M. Vanden Berghe.
Helpkasisto: S-ro K. Decoster (ŝparkasoj, magazeno).

Bibliotekisto: S-ro J. Drubbel.

Konsilantinoj: F-inoj A. Boereboom kaj M. Huyghe.

**BRUSELO. — « Esperantista Brusela Grupo ».** — Lundon, la 16an de Januaro, la grupo havis la plezuron saluti S-on Desonnay el Spa.

La Prezidantino konigas al la geĉeestantoj la novan komitaton kiu estas la sekvanta (la ĝenerala kunveno okazis la 9an):

Prezidantino: F-ino Jennen.
Vic-prezidanto: S-ro Dro Maes.
Sekretario: ne ankoraŭ konata.
Helpsekretariino: F-ino D. Derks.
Protokolistino: F-ino Obozinski.
Kasistino: S-ino J. Plyson.
Bibliotekistino: S-ino Staes.
Ekskursgvidantino kaj butikistino: F-ino Kestens.
Konsilantoj: S-ino Elly Staes, F-ino Pierre, S-ro Vanderstempel.

S-ro Robert diras kelkajn vortojn pri la parolado, kiun la faris al I.N.R. por la « Radio-Scolaire ».

Lundon, la 23an de Januaro, F-ino Jennen anoncas ke ŝi faros dum 10 minutoj lecionon al I.N.R., la 10an de Februaro por « Radio-Scolaire ».

Ŝi proponas konkurson inter la gegrupanoj. Oni devus priskribi Belgujon (en Esperanto) por la Finna samideano kiu eldonas geografian libron.

Poste, sekvas legado de « La Kolbasetoj » de S-ino Vander Veken-Van Bockel, gvidata de S-ino Staes, kaj kun la helpo de gesamideanoj: F-ino Kestens, S-ino Elly Staes, F-ino Obozinski, S-ro Castel.

Lundon, la 30an de Januaro: Parolata ĵurnalo gvidata de S-ino Plyson. F-ino Kestens parolas pri « Modo »; S-ro Gordin legas humorajojn; F-ino Obozinski rakontas aŭtentikajn. La kunveno daŭrigas kun libera babilado.

**CHARLEROI. — « Karloreĝa Grupo Esperantista ».** — Sekve de la reorganizo de la komitato de la Karloreĝa sekcio de Belga Ligo, la prezidanto, S-ro R. Marghem, kaj la sekretario, S-ro R. Paulus, prenas sur sin ekskluzive la korespondadon.

Ĉiuj, kiuj volas rilati kun tiu grupo, do skribu al S-ro Raymond Marghem, prezidanto, 81, Rue de la Villette, Marcinelle.

**GENTO. — « Genta Grupo Esperantista ».** — La dimanĉon, dekduan de Februaro, la Grupo faris propagandan kunsidon en la « Te-Salono Bortolo », montrante la kinematografan bildaron « Loetschberg » kaj « Berner Oberland », eldonitan de la Svisaj Federaciaj Fervojoj. Tiu bildaro estas vere interesa kaj tre bela. Por tiu prezentado ni ne pagigis la ĉeestantojn per mono, sed ni pagigis per atento al aliaj lumajoj, kiuj aperis sur la projekcia tolajo dum paŭzo inter du partoj de la kinematografa prezentado: per lumaj tekstoj ni tiel rimarkigis al la Gentanoj, scivolemaj pri Svislando, la necesecon, la taŭgecon, kaj la simplecon de Esperanto. S-ino De Rijcke, kiu estas kompetenta vojaĝintino kaj vojaĝontino, komentariis nacilingve, per kelkaj vortoj, la plej gravajn vidajojn, kaj anoncis la proksiman internacian kongreson en Bern; ŝi ankaŭ lerte aldonis taŭgajn klarigojn al la teksto de la diversaj pri-esperantaj tekstoj.

**LOVENO. — Lovena Grupo Esperantista.** — La provo okazigi vesperojn dum kiuj, ĉiufoje,

# Esperanto en Radio

**ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO**
**(Marto 1939)**

**Regulaj dissendoj.**

Dimanĉe :
8.45- 9.00 Lille : Esperanto-kroniko.
9.10- 9.25 Kortrijk 204 : Esp.-kroniko de G. Debrouwere.
21.30-21.45 PRC 7 Mineira : Memento de Esperanto.

Lunde :
17.20-17.35 Suisse Romande 443 : Esp.-kurso de P. Bouvier.
18.45-19.00 Montpellier-Languedoc 224 : Kroniko de A. Capoulade.
19.00-20.00 JV 2 RL Caracas 51.72 : Parolado.
20.50-21.05 Roma 2 RO 31.13 : Radio-ĵurnalo.
22.45-23.30 Paris 431 : Esp.-teatrajo.

Marde :
20.20-20.35 Kaunas 1935 ; Klaipeda - Memel 531 ; Lyiae 41 : « Nia anguleto ».
21.00-21.10 Türi 410 ; Tartu 579 ; Tallinn 229 : Esp.-kroniko.
21.25-21.40 PRF3 Sao Paulo 860 : Informoj kaj kurso.
22.30-22.45 PRF5 31.58 ; PRF2 Rio-de-Janeiro 780 : Informoj kaj kantoj dum « Horo de Brazilo ».

Merkrede :
1.45- 2.45 XECR Mexico 50.17 : Informoj.
14.00-14.20 Paris 431 : Esp.-kurso de C. Rousseau.
18.45-19.00 LTI Rosario 384 : Esp.-kroniko.

Ĵaŭde :
9.30- 9.45 Paris 431 : Esp.-kurso.

Vendrede :
1.45- 2.45 XECR Mexico 50.17 : E.-kroniko.
21.50-22.00 Brno 325 ; Praha-Melnik 269 : Esp.-kroniko.

Sabate :
9.30-10.00 7 HO Hobart : Esp.-kroniko.
13.45-14.00 Lille 247 : Esp.-kroniko de f-ino André kaj R. Curnelle.
16.15-16.30 Loksbergen-Limburg 202 : Esp.-kvaronhoro.
17.40-18.00 Roma II 245, IRF 30.52 kaj 2 RO9 31.02 : Turisma kroniko.
19.00-19.15 PRF 8 Pernambuco 720 : Esp.-kurso.

**Aliaj dissendoj dum marto.**

1.3. 11.00-11.15 Shepparton 238 : Informoj.
20.13-20.20 Lyon 463 : Esp.-kroniko.
21.00-21.30 Bulgaraj stacioj 253, 235 kaj 35.4 : Prelego.
3.3. 13.20-13.30 Bruxelles 484 (INR) : Esp.-leciono de f-ino Jennen.
4.3. 16.10-16.30 Hilversum 1875 kaj 301 (VARA) : Kroniko.
17.10-17.25 Jaarsveld 415 (KRO) : Informoj de P. Heilker.
20.00-20.15 Johannesburg 49.31 : Pri la Esp.-movado en Sudafriko.
5.3. 9.15-9.30 Marseille 400 : Informoj pri la Esp.-movado.
15.00-15.25 Wallonia 201 : Esp.-kroniko.
18.10-18.25 Irlandaj stacioj (Dublin 531) : Pri irlandaj herooj — Patrick Pearse.
21.00-21.30 Bulgaraj stacioj 253, 235 kaj 35.4 : Kulturrevuo.
22.00-23.00 PRA 4 San Salvador 740 : La horo de Esperanto.
12.3. 22.40-23.30 Jaarsveld 415 (KRO) : Parolado.
15.3. 13.20-13.30 Bruxelles 322 : Flandralingva parolado de s-ro Verheyden pri Esp.
20.13-20.20 Lyon 463 : Kroniko.
21.00-21.30 Bulgaraj stacioj 253, 235 kaj 35.4 : Prelego.
16.3. 21.00-21.30 Estonaj stacioj, 579, 410 kaj 229 : Parolado.
18.3. 16.10-16.30 Hilversum 1875 kaj 301 (VARA) : Parolado.
17.10-17.25 Jaarsveld 415 (KRO) : Informoj de P. Heilker.
19.3. 6.45-7.30 La Verda Stacio de Suda Svedlando 42 kaj 21 : Amuza programo.
21.3. 18.10-18.25 Irlandaj stacioj (Dublin 531) Sportludoj en Irlando.
26.3. 22.40-23.30 Jaarsveld 415 (KRO) . Parolado.
29.3. 20.13-20.20 Lyon 463 : Esp.-kroniko.
21.00-21.30 Bulgaraj stacioj 253, 235 kaj 35.4 : Prelego.

**MARTA ESPERANTO-PROGRAMO DE PARIZO**

Ĉiulunde je 22.45 GMT (ondo 431 m.) ; enondigo de Marc Darnault. — Nepre skribu dankleteron al : Courrier des Auditeurs, Esperantaj Dissendoj, 107 rue de Grenelle, Paris 7, Francujo. — Jen la marta programo :

6.3. « Forlasita », unuakta komedio de Jiri Ŝamla laŭ verko de Max Maurey, kaj « En la vagonaro », skeĉo de Eva Julin. Prezentos f-ino Y. Paulier.
13.3. « La kapricoj de Mariano » (dua akto), duakta komedio de Alfred de Musset, tradukis Jan van Schoor. Prezentos P. Petit.
20.3. « La ĝendarmo estas senkompata », de Courteline kaj Norès, tradukis M. Bobin, kaj « La hispana etiketo », skeĉo de Carl Haave. Prezentos M. Bobin.
27.3. « Sokrato », dramo de Ch. Richet, tradukis J. Couteaux. Prezentos N. Epstein.

**GAZETARA SERVO (PRI RADIO).**

Kiu povas publikigi informojn en neesperantista gazeto, bonvolu sciigi sian adreson kaj gazettitolojn al « Esperanto, Dunkerque, Francujo », kiu ĉe okazo rekte kaj senpage informos pri Esperantaj radio-dissendoj tro malfrue pri Esperantaj radio-dissendoj.

---

alia persono devas interesigi la membrojn sufiĉe bone sukcesis. Estas daŭrigota tiel. Tamen pro la akcepto de la grupo organizi la 28an Belgan Esperanton Kongreson en sia urbo, la prezidanto devis ŝanĝi la antaŭefiksitan laborplanon.

Do merkrede okazos la kutimaj kunvenoj dum vendrede okazos elementa kaj daŭriga kurzoj.

La grupa kaso preskaŭ tute ordiĝis, ĉar estis venditaj proksimume 70 kartoj de M. S.

★

## FAMILIA KRONIKO

### Gratuloj

Al nia direktoro, S-ro Maur. Jaumotte, vicprezidanto de nia Ligo, prezidanto de la Antverpena sekcio kaj administranto-prezidanto de « Belga Esperanto-Instituto », kiun liaj profesiaj kolegoj elektis, kiel prezidanton de la grava sekcio Antverpeno-Limburgo de la Ĝenerala Belga Gazetistara Unuiĝo.

Kiel klarigis diversaj ĵurnaloj, neniam antaŭe kvardekjarulo estis honorigita per tiu funkcio.

Ni esperas, ke la laborego, kiun tre certe tiu funkcio, flanke de la honoro, alportos al nia samideano, ne malhelpos, ke li daŭrigu la aliajn taskojn, kiujn li, en nia movado, prenis sur sin

### Kondolencoj.

Al F-ino Jeanne Morrens, membrino de « La Verda Stelo » kaj komisarino de « Belga Esperanto-Instituto, pro la morto de ŝia avo.

---

## La marindina lingvo en Nova Gvineo[1]

La lingvo estas unu el la unuaj malfacilajoj venkotaj de la misiisto, kaj ne imagu ĝin tro facila ! Oni mem devas travivi tion por bone kompreni, kion signifas : noti tute nekonatan kaj neskribitan lingvon el la buŝo de la indiĝenoj. Tiom longe, kiom temas pri la notado de substantivoj, ne estas tro malfacile. Sed la marindina pli kaj pli montriĝis lingvo riĉa je ĉiuspecaj formoj kaj provizita de ĉio : sekso — nombro — deklinacio — etvortoj — gradoj de komparo — ĉiuj eblaj pronomoj — multe da parencajoj (pli multe ol ni havas) — kaj la verbo : kun specoj kaj tempoj kaj multaj modoj : nedifinita, indikativa, kondiĉa, ordona, deziras, malpermesa, demanda, duba, nea, emfaza, okazipova nereala, disiga, lokindika, ripeta, relativa, ekskluda, konjunktiva. Ekzistas participoj, kaj oni havas « supinum ».

Nia helpa verbo kaj cetere ĉiuj tempoj kaj modoj de niaj verboj estas reproduktataj en la marindina per la tre belaj sed komplikitaj verbaj formoj de la persona pronomo, kiuj per siaj prefiksoj, infiksoj kaj sufiksoj (kaj ties kombinaĵoj) prezentas milojn da eblajoj.

**Jen nur unu ekzemplo :**

**Mak-é naham** : ni venos.
**Maki-é naham** : ni revenos.
**Mak ind-i-é naham** : ni revenos tien.
**Mak-omb-ind-i-é naham** : ni revenos al lia (ekz. lia ĝardeno).
**Mak-um-omb-ind-i-é naham** : ni venus ankoraŭfoje al la lia.

Tiel ankaŭ troviĝas la formo **Mak-um-omb-ind-i-é-p**, verba formmo do el sep

---

(1) El la verko « Dek-kvin jarojn inter la Kapdetranĉantoj de nederlanda Suda Nova Gvineo », de la flandra misiisto Patro P. VERTENTEN M.S.C.

partoj, kaj ĉiu parto havas sian difinitan signifon.

Oni aŭdas : « **Méen anep-sa-bt-omb-k-ap odahétok** ».

La vorteton « **méen** » = vorto, ĝin vi komprenas.

Vi petas ilin ripeti la frazon : ili ne komprenas vian intencon kaj eble diras la samon sed en tute alia formo.

Je alia okazo, eble duonan jaron poste, vi denove aŭdas elparoli ion similan; vi nun jam scias, ke « **odahétok** » signifas (re)turni.

Jarojn ni bezonis por ĝuste skribi supran frazeton kaj ĝin bone kompreni. Ĝi nome volas esprimi : « li sola povas tiel (turni) trompaliigi la sencon de sia vorto ».

Oni ĉiam faras novajn trovaĵojn kaj iras de tio konata al nekonata.

Ekzistas neŝanĝeblaj verboj sed ankaŭ ŝanĝeblaj, dispartigita, en sep klasoj, kaj plej multaj el ili havas pronomajn formojn.

**Jen ekzempleto :**

**mé nasak** : li batos min.
**mano hasak** : mi batos vin.
**mé usak** : li batos lin.
**mé isak** : li batos ilin.

**nasak, hasak, usak, isak,** estas la kvar formoj de la verbo « bati » — aliajn formojn ĝi ne havas; ĉio alia devas esti reproduktata per la verbaj formoj.

Krome oni havas sep specojn de adverboj, ok de konjunkcioj, plus adverbajn esprimojn kaj interjekciojn kiel en ĉiuj lingvoj.

Kiom da notlibretoj ni eluzis super tiu ĉi lingvo ! Tiom longe, kiom oni ĝin ne bone parolas, oni restas simplulo en la okuloj de la popolo.

La primitivulo neniam meditis pri sia lingvo kaj tute ne havas koncepton pri gramatikaj formoj.

Kiam Lia Patra Moŝto van de Kolk post ses jaroj devis forlasi Nov-Gvineon, ni posedis jam riĉan vorttrezoron, — la gramatiko preskaŭ estis finpreta, krom — kaj tio estis plej grava — la verbaj formoj. En tiuj ĉi ja kuŝas la genio de tiu ĉi lingvo. Ni tiam jam estis notintaj milojn da formoj kaj farintaj skemon, tiel grandan kiel tablo — sed ni ne estis pli saĝaj.

Tamen ni estis sur bona vojo, sed daŭros ankoraŭ jarojn, antaŭ ol ĉio klariĝis.

El la flandra : TYNEVERUM.



# Tra la Mondo

**12 konataj brazilaj profesoroj voĉdonis por enkonduko de Esperanto en la lernejojn.**

La Nacia Konsilantaro pri Duagrada Instruado en Brazilo akceptis per la voĉoj de 12 profesoroj kontraŭ unu voĉo kaj du voĉdetenoj konkludon por subteno de la klopodoj por enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

**Hungara Radio enkondukas Esperanton.**

Post kiam Esperanto estas jam uzita, kaj ankoraŭ uzata, ĉe multaj radio-stacioj, nun ankaŭ la hungara Radio unuafoje dissendis esperantlingvan prelegon. La prelego okazis la 26-an de februaro; parolis la konata Esperanto-verkisto D-ro K. de Kalocsay pri la temo : « Kion donis la hungara nacio al la mondo ».

**Junulargasteja movado en Francujo kaj Esperanto.**

Ju pli multiĝas la junulargastejoj, ne nur en Francujo sed ankaŭ alilande, kaj ju pli ili estas vizitataj ankaŭ de fremdlandanoj, des pli sentiĝas ankaŭ tie la bezono je internacia lingvo. Pro tio la organo de la franca junulargasteja centro, « Le cri des auberges de jeunesse », jam de unu jaro konstante enhavas rubrikon pri Esperanto. Ankaŭ la organo de la Naturamikoj, « L'Ami de la Nature », konstante enhavas alvokon kaj propagandon por Esperanto.

**Kurso de finna lingvo en Esperanto.**

Pro la venontaj Olimpiaj Ludoj, kiuj okazos dum 1940 en Helsinki, la leter-instituto « Suomen Kirjeopisto » en Uusikaupunki (Finnlando) aranĝas, inter aliaj, ankaŭ kurson de finna lingvo per Esperanto. Oni projektas specialajn festojn por la esperantistaj vizitontoj de la Ludoj, en Tallinn, la ĉefurbo de Estonio, kaj poste en Helsinki mem.

**Itala kaj bulgara Radio donas al Esperanto pli grandan atenton.**

Komencante de marto, la itala Radio (EIAR) disponigis al la Esperanto-dissendoj unu plian mallongondan sendilon. Same ekde marto, Radio Sofia (Bulgarujo) disaŭdigas Esperanto-prelegojn trifoje en la monato.

**Grava japana urbo reklamas per Esperanto.**

La turisma sekcio de la grava japana havenurbo Nagoja (1.200.000 loĝantoj) eldonis efike presitan, ilustritan faldprospekton en Esperanto, sekvante per tio la ekzemplon de aliaj japanaj instancoj, precipe de la Fervoja Ministerio, kiu aperigis tre belan, ampleksan gvidlibron ilustritan en la internacia lingvo.

**« League of Nations Union » en Britujo postulas internacian lingvon.**

La Generala Konsilantaro de la brita Unio por la Ligo de Nacioj akceptis rezolucion, laŭ kiu ĝi « petas la Plenumkomitaton klopodi por la instruado de internacia lingvo en ĉiuj lernejoj, kiel necesa paŝo al la antaŭenigo de internacia interkomunikado kaj interkompreniĝo ».

**Esperanto ĉe la Franca Ĉambro de Deputitoj**

Post propono de rezolucio pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn, prezentita de s-ro Boulay, la Komisiono pri Instruado, de la Ĉambro de Deputitoj (Parlamento) de Francujo, komisiis s-ron Voirin por raporti pri la temo. Tiu ĉi raporto okazos post nelonge.

**Esperanto ĉe la Norda Glacia Maro.**

En Vardö (Norvegujo), la plej norda urbo de Eŭropo, fondiĝis Esperanto-klubo. Ĝenerale Esperanto bone progresas en Norvegujo; sed tiel norden la internacia lingvo ne penetris ĝis nun. Vardö estas la ĉefurbo de la vasta Finnmarko, regiono sufiĉe granda laŭ areo, sed maldense loĝata.

**Esperanto por surdmutuloj.**

Ekzistas la intenco, utiligi Esperanton por la internacia interkompreniĝo de surdmutuloj, kaj fondi, por tiu celo, Internacian Ligon Surdmutulan. (Adreso : S-ro S. Schönberg, ulica Leszno 4 m. 15, Warszawa, Pollando.)

**Estraro de "Belga Ligo Esperantista"**

**Prezidanto :** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel. : 44.53.00.)
**Vicprezidantino :** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel. : 320.86.)
**Vicprezidanto :** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel. : 777.58.)
**Sekretario :** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
**Kasisto :** S-ro André Tassin, 1, rue St-Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I. E. L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO. Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.